# Esperantisto Slovaka

1 1986

Organo de Slovakia Esperanto – Asocio



# El Redakcio

Karaj legantoj,

La "eksperimento" pli-malpli sukcesis. Dank`al nova teknologio Esperantisto Slovaka fariĝas regula kaj aktuala Esperanto-gazeto. En novaj vestoj, kun iom ŝanĝitaj aspekto kaj enhavo, sen troaj ĝenaj preseraroj, ĝi fariĝas egalvalora "kolego" de aliaj movadaj kaj nemovadaj gazetoj. Pozitivaj estas ankaŭ la reagoj de la legantoj (vidu la paĝon 16). Ĉi-loke mi volas danki al ĉiuj, kiuj varme bonvenigis min ĉe la "stirilo" de ES kaj ankaŭ al tiuj, kiuj jam komencis al ES regule kontribuadi. Mia danko apartenas ankaŭ al tiuj, kiuj ne forgesis reaboni ES`on por la jaro 1986 kaj des pli al tiuj, kiuj uzis la abonilojn/aliĝilojn el ES 5/85 por pligrandigi la familion de niaj legantoj kaj la membraron de SEA...

En "mia unua n-ro" mi esprimis mian scivolemon pri la kapabloj de la presejo kvalite reprodukti la gazeton, kies kompleta modelo naskiĝas en mia "metiejo". Pri la rezulto mi ne estas tute kontenta. La tekstoj en ES 4/85 estis grizaj anstataŭ nigraj, la n-ro ne estis precize faldita kaj tranĉita. Por ES 5/85 estis uzita malpli kvalita papero, kelkloke "forvaporiĝis" punktoj kaj aliaj interpunkciaj signoj, la fotoj kaj ankaŭ iuj tekstoj estis makulitaj. Unu el la plej gravaj taskoj do estas atingi, ke ES proksimiĝu kvalite al la modelo, kiun de mi ricevas la presejo.

Intertempe mi sukcesis kompletigi mian kompostilon per pli densaj (tamen sufiĉe grandaj kaj bone legeblaj) kaj pli variaj litertipoj, kio permesos plialtigi la grafikan nivelon de la gazeto kaj ŝpari la lokon (en tiu ĉi numero, sur la sama paĝnombro, estas je 40% pli da tekstoj ol en ES 4/85!). Niaj aferoj do tamen progresas kaj mi kredas, ke per la komunaj fortoj nia Esperantisto Slovaka estos ĉiam pli bona gazeto, havanta ĉiam pli vastan reton da legantoj kaj kontribuantoj.

Amike vin salutas via redaktoro.

# Enhavo



KOVRILFOTOJ:

FRONTPAĜE: "Martinské Hole" sub vintra neĝkusenego. Foto: Dr.V.Starovecký.
DORSPAĜE: Vintra naturo en Donovaly, ĉe la vilaĝo Buly. Foto: B.Kolibár.


**Esperantisto Slovaka**

Dvojmesačný orgán

SLOVENSKÉHO ESPERANTSKÉHO ZVÄZU

Redaktor: Stano Marček
Zodpovedný redaktor: Dr. Andrej Lukáč, CSc.
Sadzba, montáž a grafická úprava: Stano Marček

Redakčná rada:
Dr.A.Lukáč,CSc., Dr.St. Košecký, E.V.Tvarožek, E.Benická, S.Marček.

Adresa redakcie:
Stano Marček
Zvolenská 15
CS-036 01 MARTIN
Tel.(0842) 37145

Adresa administrácie:
Slovenský esperantský zväz
Sobotské nám.6,
CS-058 01 POPRAD
Tel.(092) 26895

Povolil:
Východoslovenský KNV
reg.č. 45/85 tlač
dňa 29.05.1985

**Esperantisto Slovaka**

Dumonata organo de

SLOVAKIA ESPERANTO-ASOCIO

Redaktoro: Stano Marček
Respondeca redaktoro: Dr. Andrej Lukáč, CSc.
Kompostado, enpaĝigo kaj grafika aranĝo: S.Marček

Redakta kolegio:
Dr.A.Lukáč,CSc., Dr.St. Košecký, E.V.Tvarožek, E.Benická, S.Marček.

Adreso de la redakcio:
Stano Marček
Zvolenská 15
CS-036 01 MARTIN
Tel.(0842) 37145

Adreso de la administracio:
Slovakia Esperanto-Asocio
Sobotské nám.6,
CS-058 01 POPRAD
Tel.(092) 26895

Vidu paĝon 18!

# PRI NIA LABORO

## Novjara mesaĝo de la prezidanto de SEA, D-ro Andrej Lukáč, CSc.



La jarŝanĝo estas oportuna tempo por pripensi la rezultojn, atingitajn dum la pasinta jaro, kaj starigi novajn celojn kaj planojn. Se ni jarŝanĝe trarigardas la rezultojn de la jaro 1985, ni povas konstati, ke ni faris pluan paŝon antaŭen. Niaj membroj, lokaj grupoj, sekcioj kaj komitatoj sur ĉiuj niveloj fosis sian sulkon por la progreso de nia afero. Niaj aranĝoj, el kiuj kelkaj estas internacie konataj, arigis grupojn de samideanoj, kun kiuj ni konstruis nian amatan "Esperantujon". Sur la mapo de Esperantujo brilas urboj kaj lokoj kiel Slovaka Paradizo - en kiu ĉiujare okazas Turisma Semajno, Jasov - loko de Somera Esperanto-Lernejo, Žilina - centro de Turismaj Tagoj, kaj Poprad - sidloko de nia Asocio kaj la loko, kie okazas Esperantaj Kulturaj Tagoj. Tiuj ĉi entreprenoj ankaŭ ĉi-jare estis sukcesaj kaj ĝiaj partoprenantoj, hejmaj kaj eksterlandaj, kreskigis la spiriton de la internaciaj amikeco kaj kunlaboro. Ni atingis ankaŭ aliajn sukcesojn. Ni transprenis post la rekonstruo la Asocian Domon en Poprad, kiu servos kiel sidloko kaj centro de nia organiza laboro. Fondiĝis novaj Esperanto-grupoj kaj en aprilo 1985 ni akceptis la 2000-an membron de SEA. Pliboniĝis la laboro de lokaj grupoj, regionaj komitatoj kaj sekcioj. Sukcesaj estis Korespondaj kaj Duonintensaj Kursoj de Esperanto. Ni sukcese solvis la eldonadon de la asocia gazeto Esperantisto Slovaka, ĝi estas kvalita kaj plaĉa. Mi povus elnombri multajn aliajn bonajn rezultojn, pri kiuj ni prave fieras. Por tiu ĉi laboro meritas niaj membroj kaj funkciuloj elkoran dankon. La sukcesojn ni atingis dank' al tio, ke ni havas sinoferemajn samideanojn, kiuj ŝparas nek tempon, nek monon, por la progreso de nia afero. Dank' al tiuj homoj, kiuj kreas kernon de nia movado, ni optimisme rigardas la estontecon de nia afero.

Sed pritaksante nian pasintjaran laboron ni ne povas paroli nur pri niaj sukcesoj. Evidentiĝis ankaŭ mankoj kaj malfortaĵoj de nia movado. Plej okulfrapa estas fakto, ke en iuj aranĝoj partoprenas pli multe da eksterlandanoj ol enlandanoj. Estas eĉ mirige, ke la enlandanoj ankoraŭ ne malkovris Turisman Semajnon kaj Slovakan Paradizon. Pasintjare estis ĉirkaŭ 15 eksterlandanoj, kiuj ĉeestis tiun ĉi aranĝon pli ol unufoje kaj iuj eĉ kvinfoje. Tio atestas pri la beleco de la regiono de Slovaka Paradizo kaj pri bona laboro de la organizantoj, pri sincera, amika kaj samideana etoso, kiu regas en TUSE kaj altiras ĉiun, kiu foje ĉeestis ĉi tiun aranĝaĵon. Tion ni povas diri ankaŭ pri aliaj aranĝoj, ekzemple pri Turismaj Tagoj en Žilina, ktp. Ĉu pripensos niaj samideanoj sian rilaton al tiuj ĉi aranĝoj kaj surprizos nin ĉi-jare per amasaj aliĝoj? Ni atendas. Alia grava manko estas nesufiĉa lingva nivelo de la plej granda parto de niaj membroj. Bona regado de la lingvo estas baza kondiĉo por la plenvalora ĉeesto en la esperantista vivo. Estas morala devo de ĉiu esperantisto bone ellerni kaj uzadi la lingvon. Nia Asocio kreas por tio kondiĉojn. Sufiĉas nur eluzi ilin.

La baza devo de ĉiu membro estas pagi la membrokotizon. Per tio ĉiu membro manifestas sian apartenecon al la Asocio, al la movado. Niaj membrokotizoj apartenas al la plej malaltaj en la mondo. Multaj anoj eble opinias, ke tian bagatelan sumon ni eĉ ne bezonas. Bedaŭrinde ili eraras. Ni ne estas riĉaj kaj por plenumi niajn celojn, kiuj ja estas celoj de ĉiu ano, ni bezonas monon. Se ĝi mankos, ni ne ▽

KUN ESPERO
KAJ OPTIMISMO
AL LA
ESTONTAJ TAGOJ



EL LA NOVJARA PAROLADO DE LA ĜENERALA SEKRETARIO DE CK KPĈ KAJ LA PREZIDENTO DE ĈSSR GUSTÁV HUSÁK

Karaj kunŝtatanoj, gekamaradoj!

Komence de la nova jaro 1986 mi kore salutas vin ĉiujn en la nomo de la Centra Komitato de la Komunista Partio de Ĉeĥoslovakio, de la Centra Komitato de la Nacia Fronto, en la nomo de la ĉeĥoslovaka registaro kaj en mia propra nomo. Mi deziras al vi bonan sanon, novajn laborajn sukcesojn, feliĉon, ĝojon kaj kontentecon en la privata kaj familia vivo.

Je la demando, kia estis la pasinta jaro, ni povas simple respondi: por niaj popoloj kaj por nia ŝtato ĝi estis plia bona jaro. Prave oni povas konstati, ke la bazaj tendencoj de la politika, ekonomia kaj socia evoluoj estas favoraj.

En la nomo de la plej altaj partiaj kaj ŝtataj organoj, kaj ankaŭ en mia propra nomo, mi volas hodiaŭ sincere danki al vi ĉiuj, al la laboristoj, kamparanoj, inteligentularo, virinoj, junularo, anoj de la armeaj fortoj kaj al aliaj pro ilia kontribuo al la atingitaj rezultoj. Al ĉiuj, kiuj kontribuis al la plenumo de la taskoj en industrio, agrikulturo kaj en aliaj branĉoj de la nacia ekonomio, en la servoj, medicino, scienco, lernejoj, kulturo kaj en aliaj sektoroj, apartenas rekono de nia socio.

Rezultoj de la komuna laboro speguliĝas en politika, socia kaj ekonomia stabileco de nia ŝtato, en ĝia firma kaj respektata internacia pozicio.

Kiel ĉefan rezulton de niaj laboro kaj politiko ni konsideras tion, ke la homoj povas vivi ĉe ni en certeco, bone kaj kontente, sen timo pri morgaŭo. Tiuj ĉi atingaĵoj de la socialisma sistemo signifas multon, precipe en la hodiaŭa mondo, en kiu milionoj da homoj suferas je senlaboreco, mizero, senrajteco kaj perdo de vivperspektivoj.

Ĉi-jare ni eniras signifoplenan etapon en la vivo de niaj popoloj. En marto okazos la XVII-a Kongreso de KPĈ. Ĝi valortaksos rezultojn de la laboro dum la pasintaj kvin jaroj kaj ▷

povos plenumi niajn planojn. Estas devo de ĉiu loka grupo, de ĉiu unuopa membro, ne nur mem pagi la membrokotizon, sed persvadi ankaŭ aliajn fari tion.

La daŭra tasko, kiun ni starigis al ni, estas konstrui f rtan Asocion. Tio signifas forigi la mankojn, kiujn mi menciis, kaj ankaŭ aliajn, ne menciitajn. Ni planas firmigi nian membrobazon kvalite kaj kvantite. Al la centjara jubileo de Esperanto ni volas havi 3000-membran Asocion. Nur forta asocio gravas en nia socia vivo. Se ni ĉiuj eklaboros, ni certe atingos la celon. La jubilea jaro estu por ni instigo al la plua laboro. Grandaj agoj konsistas el malgrandaj faroj. Per unuiĝintaj fortoj ni faros eĉ miraklojn. Sufiĉas, se vi, kiu legas ĉi artikolon, abonos Esperantan gazeton. - Ke vi jam faris tion? Do aĉetu Esperantan libron, ĉeestu elektitan E-aranĝon, varbu novan membron, aŭ plibonigu vian lingvoscion. Elektu almenaŭ unu el tiuj eroj kaj plenumu ĝin. Se ni ĉiuj faros tion, ni faros miraklon. Esperanto venkos. Ĉu vi volas fari miraklon? La decido estas en viaj manoj.

starigos programon por plua ĉiuflanka evoluo de nia socio por la dua duono de la 80-aj jaroj, kun perspektivoj ĝis la jaro 2000.

Se ni volas plu plialtigadi la vivnivelon de niaj popoloj kaj firmigi la pozicion de Ĉeĥoslovakio en la mondo, tio postulas dinamikon en la sociekonomia evoluo de nia socio.

Eksterordinare grave estos, ke ni tuj de la komenco plenumu la taskojn de la plano en ĉiuj laborejoj. Pretenda laboro, kiu atendas nin, estos laboro por la prospero de nia patrujo, por la pli bona vivo de niaj popoloj.

Same kiel ĉiuj nacioj de la mondo, ni konsideras la atingon de la mondpaco la plej grava tasko de hodiaŭo. Tio estas la ĉefa senco kaj celo de la paca politiko de socialismaj landoj kaj do ankaŭ de nia lando.

Novajn eblecojn kaj perspektivojn por la prospero de la politika dialogo kaj por la solvo de plej urĝaj internaciaj demandoj de nuntempo malfermis la rezultoj de dialogoj sur la plej alta nivelo, inter Sovetunio kaj Usono. La starpunktojn kaj konduton de la soveta delegacio ni alte taksis kaj apogis ankaŭ dum la renkontiĝo de la plej altaj reprezentantoj de la socialismaj landoj en Prago.

Karaj geamikoj, kun espero kaj optimismo ni rigardas al la estontaj tagoj. Kun konfido al propraj fortoj, en unueco de la partio kaj popolo, en senpera ligo kun siaj aliancanoj kaj amikoj, ni ofereme laboros por la prospero de nia socialisma patrujo.

# Ľudovít Štúr

(22.10.1812 - 12.1.1856)

*Fine de la pasinta jaro kaj komence de ĉi tiu jaro ni rememoris la datrevenojn de la naskiĝo kaj morto de Ľudovít Štúr, kiu apartenas al la plej eminentaj filoj de nia nacio.*



Lia vivo ne estis longa, sed li vivis en revolucia, sortodecida periodo, kiam historian scenon forlasis malnoviĝinta feŭda socia ordo kaj ĝian lokon okupis kapitalismo. Tiam la slovaka nacio vivis en malfavoraj politikaj, ekonomiaj kaj kulturaj kondiĉoj. Antaŭ la burĝa revolucio, en la jaroj 1848-49, konsistigis ĝin etaj komercistoj, metiistoj, manpleno da intelektularo, sed ĝian decidan parton formis senrajtaj kamparanoj-servutuloj. La servutuloj estis la plej mizera parto de la feŭda socio. Ili pagis impostojn al la ŝtato, laboregis por la sinjoraro kaj fordonadis al ili naŭonon de la rikolto el siaj kampoj. La popolo spitis la servutan jugon. En la jaro 1831, en la orienta Slovakio, ekflamis kamparana ribelo. La sinjoroj pendigis la ribelulojn kaj vipis malkontentulojn sur punbenkoj. La feŭdaj rilatoj fariĝis bremso ne nur por la ekonomia, sed ankaŭ por la socia progresoj. La popolo vivis en mizero. Malsato estis konstanta gasto en la kamparanaj hejmoj. Kultura nivelo de la popolo estis malalta, la plejparto de la nacio estis analfabeta. La imperiestra korto en Vieno kaj la hungaraj regantaj klasoj kontestis la rajtojn de Slovakoj je siaj propraj lingvo, kulturo kaj rajto je memdecido. Ankaŭ inter la slovaka intelektularo regis malunueco rilate al la problemo de la literatura lingvo.

Tia estis la situacio de la slovaka nacio, kiam Štúr komencis sian politikan agadon. Li estis filo de malriĉa vilaĝa instruisto. Post la gimnaziaj studoj li studis teologion en Bratislava kaj Halle. Fininte la studadon li fariĝis vic-profesoro kaj poste profesoro en la liceo de Bratislava. Štúr organizis vastan nacikonsciigan klerigan kaj kultur-politikan aktivecon. Unu el liaj plej grandaj faroj, kiun li faris kun siaj proksimaj kunlaborantoj, estis historia decido pri la literatura slovaka lingvo, kio okazis en la jaro 1843. Li decidis, ke bazo por tiu ĉi lingvo estu la mezslovakia dialekto. Argumentoj por tiu ĉi paŝo estis pluraj. La ĉefa kialo estis idea. Bezono de la nacia unueco, konvinko, ke nur pere de slovaka lingvo oni povas sukcese klerigadi la popolon. Tiu ĉi paŝo de Štúr signifis finiĝon de la procedo, kiam formiĝis la moderna slovaka nacio. Ĉar maturiĝis la tempo.

La novan literaturan slovakan lingvon entuziasme akceptis precipe juna generacio, plejparte disĉiploj de Štúr. Inter ili estis kelkaj talentaj poetoj, kiuj fariĝis fondintoj de la moderna slovaka literaturo. En la jaro 1845 Štúr komencis eldonadi la gazeton Slovenskje národňje novini (Slovaka Nacia Gazeto), kiu fariĝis politika tribuno de la juna slovaka intelektularo kaj burĝaro. La ĉefa celo de la politiko de Štúr kaj Štúr`-anoj estis krei amasan bazon por la postuloj de la slovaka nacia movado. La tagorda devizo estis fondado de diversaj kultur-klerigaj teatroj, ekonomiaj, terkulturaj kaj aliaj societoj. Grava okazintaĵo en la slovaka kultura vivo estis fondo de la tutslovaka kleriga kultura societo Tatrín en la jaro 1844. La plej grava kaj aktuala problemo de Štúr kaj lia generacio

estis morala kaj ekonomia prosperigoj de la slovaka popolo. Ili pasie batalis kontraŭ la amasa malklereco kaj analfabeteco de la servuta popolo. Simplaj patriotoj, instruistoj kaj pastroj senpage instruis kamparanojn, junularon kaj pliaĝulojn, metiistojn en urboj kaj urbetoj, fondadis pomologiajn, abelbredistajn kaj ekonomiajn societojn.

Ľudovít Štúr kaj Štúr`anoj klare konsciis, ke de la ekonomia postrestinteco de la agrarkaraktera lando devenas ne nur la mizero de la popolo, sed ankaŭ la politika mallibereco. La plej grava por Štúr estis la sorto de la servutula popolo. Desur la tribuno de la hungara parlamento (en la jaroj 1847-48 li estis deputito por la urbo Zvolen) li urĝe postulis demokratiajn reformojn kaj abolicion de la servuto. Kulmino de la politika aktiveco de Štúr estis revoluciaj jaroj 1848-49. En majo 1848 li kune kun Hurban kaj Hodža okazigis en Liptovský Mikuláš popolkunvenon, kiu aprobis la Postulojn de la Slovaka Nacio, en kiuj estis formulitaj la bazaj kondiĉoj de la nacia vivo de Slovakoj sur ilia propra teritorio. La hungara registaro ne nur ne akceptis la slovakajn postulojn, sed ordonis aresti slovakajn gvidantojn, inter ili ankaŭ Štúr`on. Tio kaŭzis disigon de la slovaka kaj hungara revolucioj kaj direktis la slovakan nacian movadon al kunlaborado kun Vieno. Štúr kunagis ankaŭ ĉe la kunvoko de la Slava Kongreso en Prago en la jaro 1848, persone partoprenis la pragan ribelon kaj organizis la slovakan nacian revolucion (1848-49). Post la sufoko de la revolucio li - police persekutata - rifuĝis al sia frato en la urbo Modra, kie li dediĉis sin al literatura verkado kaj kie li antaŭtempe tragike mortis.

Ľudovít Štúr estas unu el la plej elstaraj figuroj de la slovaka nacia historio. Lia merito pri tio, ke Slovakoj malgraŭ sia mallibereco formiĝis al nacio, lia multflanka kulturpolitika kaj scienca aktiveco kaj lia literatura verko restas senmortaj valoraĵoj.

Dr. Andrej Lukáč, CSc.



## REZOLUCIO DE UNESKO OKAZE DE LA 100-JARA JUBILEO

*Post Montevideo UNESKO refoje dediĉis sin al Esperanto kaj akceptis rezolucion, kiu koncernas la centjariĝon de Esperanto. Pro la graveco de tiu ĉi dokumento ni aperigas ĉi-sube kompletan tekston de la rezolucio.*

La 23-a sesio de la Ĝenerala Konferenco de UNESKO,
Sofio, de la 8-a de oktobro ĝis la 12-a de novembro 1985.

### REZOLUCIPROPONO

La Ĝenerala Konferenco,

Konsiderante, ke per la rezolucio IV-I-4-22 de sia 8-a sesio, adoptita la 10-an de decembro 1954 en Montevideo, la Ĝenerala Konferenco rekonis la kontribuon de la internacia lingvo Esperanto al la internacia interkompreniĝo kaj ĝian kongruiĝon kun la celoj kaj idealoj de UNESKO;

Agnoskante, ke depost tiam Esperanto faris konsiderindan progreson kiel rimedo por alproksimigi kaj interkomprenigi la popolojn kaj kulturojn de diversaj landoj, enpenetrante preskaŭ ĉiujn landojn de la mondo kaj ĉiujn sferojn de la homa aktivado;

Atentigante pri la granda potencialo de Esperanto por edukado al internacia interkompreniĝo, edukado pri homaj rajtoj, kaj alproksimigo de homoj el ĉiuj landoj;

Notante la konsiderindan jaman kontribuon de la Esperanto-movado kaj precipe de Universala Esperanto-Asocio al la disvastigo de informoj pri la laboro de UNESKO kaj al partopreno en tiu laboro;

Rekonante, ke en 1987 Esperanto festos la centjariĝon de sia ekzisto,

1 - Gratulas la Esperanto-movadon okaze de ties jubileo;

2 - Petas la Ĝeneralan Direktoron plue sekvi la evoluon de la lingvo Esperanto kiel interkomprenilo inter kulturoj kaj instrutemo en la lernejoj;

3 - Alvokas la ŝtatojn-membrojn, ke ili marku la jubileon de Esperanto per taŭgaj enlandaj kaj eksterlandaj aranĝoj (deklaracioj, eldonado de poŝtmarkoj, ktp.), kaj ke ili antaŭenigu kaj ebligu la enkondukon de Esperanto kiel instrutemo en siaj lernejoj kaj institucioj de supera edukado;

4 - Rekomendas al la neregistaraj organizoj, ke ili kunlaboru en la festado de la jubileo de Esperanto kaj ke ili konsideru la utiligon de Esperanto kiel ilon por disvastigi inter siaj membroj informojn pri UN-organizoj kaj precipe pri UNESKO.

# El nia vivo

## TRI EVENTOJ EL LIPTOV-DISTRIKTO

La 15-an de januaro 1986 okazigis esperantistoj - membroj de la Esperanto-klubo ĉe la Urba Kultura Centro en Liptovský Hrádok - sian jarkunvenon, por fari jaran bilancon de la agado. En 1985 la klubo registris 22 membrojn kaj okazigis entute 24 klubajn kunvenojn. La kunvenoj okazadis ĉiun neparan merkredon de la 18-a horo. Dum la kunvenoj okazadis prelegoj pri diversaj temoj kaj lingvaj ekzercoj. De la 11-a de februaro ĝis la la 14-a de majo okazis kurso por komencantoj kun sep frekventantoj. Eksterkluba agado konsistis plejparte el supreniroj al montpintoj de la Liptov-distriktaj montoj. Ses membroj de la klubo estas membroj de SEA. En la agadplanon por plua periodo estis envicigitaj krom aliaj du ĉefaj eroj: estis interkonsentite, ke dum la klubaj kunvenoj, kiuj okazados kiel ĝis nun, la gvidantoj de la klubo zorgos pri la pliaItigo de lingva nivelo de la membroj. Estas dezirinde, ke al la klubaj kunvenoj estu dediĉita pli granda atento, por ke tiuj ĉi estu pli multnombre vizitataj. Kvin membroj de la klubo estis elektitaj kiel delegitoj por la alproksimiĝanta Distrikta Konferenco, okazonta la 22-an de marto 1986 en Liptovský Hrádok.

La dua evento, okazinta la 16-an de januaro ĉi-jare, estis kunveno de la preparkomitato por la fondo de la (jam sesa en Liptov-distrikto) E-klubo en Ružomberok. Tripersona preparkomitato kaj tri gastoj pritraktis la situacion en la urbo Ružomberok kaj k-do Bajo, reprezentanto de la Urba Kleriga Centro, apogis la proponon fondi Esperanto-klubon ĉe la menciita instanco. Fonda kunsido de la klubo por esperantistoj el Ružomberok kaj ĝia ĉirkaŭaĵo okazos la 13-an de februaro ĉi-jare.

La tria evento okazis la 18-an de januaro. Tiutage okazis jarkunveno de Esperanto-Klubo ĉe la Muzeo de Janko Kráľ en Liptovský Mikuláš. Tiun ĉi ĉeestis 21 membroj kaj gastoj. Mi mencios almenaŭ kelkajn programerojn el la raporto pri la agado de nia klubo en la pasinta periodo: dum la klubaj kunvenoj ni pridiskutis 30 ĉeftemojn, aŭskultis tri poemojn kaj kvar kantojn, ludis ses societajn ludojn, ses niaj membroj korespondas Esperante, nia klubo registras 46 membrojn, el kiuj 23 estas membroj de SEA kaj kvar estas membroj de UEA. Ni okazigis en 1985 40 klubajn kunvenojn, ni iniciatis fondi Distriktan Konsultan Konsilantaron de Esperanto. Entute ni forsendis 524 korespondaĵojn kaj ricevis 365. Ni daŭrigis la eldonadon de la kluba bulteno "Subtatrano" - en 1985 aperis kvar numeroj en eldonkvanto 400 ekzempleroj. Ne mankis eksterklubaj aranĝoj: IINTERSKITAGOJ, VERMAT, Tagoj ĉe Liptovská Mara. Daŭras amikecaj rilatoj kun la urboj Uzlovaja (USSR), Weimar (GDR) kaj Opava (ĈSR). Se ni volus detale priskribi la tutan agadon, ni devus kopii la ses-paĝan protokolon - raporton pri la agado! La laborplano por la nuna jaro devligas nin al streĉa laboro kaj ni esperas, ke helpe de ĉiuj niaj membroj nia klubo apartenos al la plej aktivaj kluboj en Slovakio.

-ribo-

## ZAMENHOFA VESPERO

La 11-an de decembro 1985 aranĝis la Urba Komitato de SEA kaj E-klubo en Košice "Zamenhofan Vesperon" kun amika kunsido ĉe samovaro.

Al la kultura programo kontribuis lernantino Alexandra Andreasová per deklamado de poemo en Esperanto kaj etpioniroj-gefratoj Onuška per kantado de E-kantoj. S-ano Daniel Papák en sia festparolo substrekis la klopodon de esperantistoj atingi daŭran pacon inter la popoloj. La solenan programon sekvis vigla babilado ĉe samovaro.

E.B.

## KOŠICE

Plenkunsido de la Urba Komitato de SEA okazis la 24-an de oktobro 1985 en la Fervojista Klubo en Košice. Ĉeestis 50 personoj, bedaŭrinde malpli ol kutime. Kadre de la kultura programo deklamis lernantino A.Andreasová amuzan poemon "La ekspedaĵo". Virina ĥoro kantis konatajn E-kantojn kaj la ĉeestantoj ĝoje aliĝis al la kantado.

La kunvenon gvidis s-ano M.Kucín, la prezidanto de la Urba Komitato. Pri la agado de la EK-Košice parolis ĝia prezidanto, Inĝ. D.Kavka. "Nia ĉefa tasko," diris s-ano Kavka,"estas la klopodo estime festi la alproksimiĝantan centjaran datrevenon de la fondiĝo de nia lingvo kaj atingi ĝis tiam konvenan lingvonivelon, por ke ni ĉiuj povu partopreni la jubilean UK`on en Varsovio kaj estu kapablaj babiladi tie kun esperantistoj el la tuta mondo." Li raportis ankaŭ pri la eventoj de la pasinta somero, mencis la somerumadon en Bulgario (SEF), la ekskurson al la esperantistoj-ĝardenistoj kaj fungokolektantoj en Nyíregyháza (Hungario), la vizitintojn de nia klubo el Sovetunio kaj Bulgario ktp. Kelkaj niaj anoj vizitis la aranĝojn PERAT, BoBoBo, SELKO, SELE kaj aliajn. Inter la vintraj planoj troviĝas partopreno en Kulturaj Tagoj en Košice, aranĝado de konversacia kurso, vizito de Vintra Amika Renkontiĝo Esperantista en Kubrat (Bulgario) kaj organizaj laboroj.

La Fervojista Klubo de Sindikatoj en Košice transdonis diplomojn al s-anoj L.Jurko kaj D.Papák por la longjara poresperanta kultura kaj eduka laboro kadre de la Fervojista Klubo.

Pri interesa Esperanta geedziĝo de s-anino Elisabeta Flasko el Budulov (vilaĝo ĉe Košice) kaj s-ano Jesus Planes Pardoval el Hispanio parolis s-ano L.Bodenlos, kiu ĉeestis la edziĝfeston. La juna paro interkonatiĝis pere de Esperanto.

La oficialan parton de la kunveno sekvis viva muziko kaj dancado.

EB

## "INFORMILO" EL ČADCA

La Esperanto-klubo en Čadca estas la tria E-klubo en Mezslovakia Regiono (post Žilina kaj L.Mikuláš), kiu komencis eldonadi sian propran kluban bultenon. La unua n-ro alportas informojn pri la malfermo de la EK en Čadca. Ni deziras al nia nova Esperanto-klubo, ke ĝia agado estu tre riĉa kaj ke la bulteno estu riĉenhava kaj interesa.

## SUBTATRA E-KLUBO EN POPRAD

La 16-an de januaro 1986 okazis en la Asocia Domo jarkunveno de Subtatra Esperanto-klubo en Poprad. Estis elektita nova komitato por 1986, kiu konsistas el esperantistoj, garantiantaj aktivan laboron en poresperanta agado. La kunvenon gvidis D-ro Štefan Grenda. S-ano Milan Zvara raportis pri la agado de la klubo kaj prezentis la agadplanon por 1986.

## ORGANIZA SEMINARIO

En la tagoj 14.-15.12.1985 okazis en la Asocia Domo en Poprad Organiza Seminario, destinita al la funkciuloj de E-grupoj, urbaj kaj regionaj komitatoj de SEA kaj al la membroj de CK SEA. La partoprenintoj estis informitaj pri la laboro de SEA, pri la principoj, kiel organizi E-aranĝojn kaj pri la organizado de internaciaj kontaktoj. La partoprenintoj estis informitaj pri la agado de Kleriga Centro de SEA. La reprezentantoj de unuopaj E-kluboj poste okupiĝis pri la formoj, kiel pliintensigi la aktivecon en la jaroj 1986 kaj 1987, honore al la centjariĝo de Esperanto.

## VINTRA MONTGRIMPO AL POLUDNICA

La 5-an de januaro 1986, jam la trian fojon, okazigis Esperanto-klubo ĉe Muzeo de Janko Kráľ en Liptovský Mikuláš vintran montgrimpon al la montpinto Poludnica. Dum belega vintra vetero 12 esperantistoj el la regionoj de Liptov-, Spiš- kaj Hronvaloj ekiris la vojon de la vilaĝo Iľanovo al la montpinto de Poludnica kaj poste malsupren tra la montetoj Rakytovica kaj Opalisko al la vilaĝo Závažná Poruba. Sur la pinto de la monto Poludnica ekflirtis tiutage Esperanto-flago, honore al la evento, ke la jaro 1986 estis proklamita de Unuiĝintaj Nacioj LA JARO DE LA PACO. Estus dezirinde, ke ne nur la nuna jaro, sed ankaŭ ĉiuj sekvontaj, restu ĉiam la jaroj pacaj...

-ribo-

## KLERIGA CENTRO DE SEA

En Poprad okazas duonintensaj kursoj enkadre de KC de SEA. Samtempe oni preparas kampanjon por nova duonintensa kurso, kiu ekfunkcios fine de februaro 1986. En korespondaj kursoj ses lektoroj prizorgas preskaŭ 500 aliĝintojn al tiu ĉi formo de Esperanto-kursoj.

## KLUBO DE JUNAJ ESPERANTISTOJ

Tiu ĉi klubo laboras ĉe Urba Domo de Pioniroj kaj Junularo en Poprad. En la klubo aktivas pli ol 30 gejunuloj en la aĝo de 8 ĝis 12 jaroj (sekcio de pioniroj). La kunvenoj okazas ĉiun duan sabaton.

## REGIONA RENKONTIĜO EN ŽILINA

La 1-an kaj 2-an de marto 1986 okazos en Žilina Regiona Renkontiĝo de Esperantistoj. Kadre de ĝi okazos:
- publika kunsido de RK SEA kaj de RKKE
- regiona organiza seminario
- regiona kultura vespero

Ni petas funkciulojn de E-kluboj, kiuj volus prezenti prelegojn kadre de la organiza seminario (pri la laboro en kluboj, prie SEA, UEA), ke ili sendu proponojn de la prelegoj al la prezidanto de RK SEA.

Samtempe ni alvokas E-klubojn, organizi partoprenon de siaj membroj en literaturaj kaj deklamaj konkursoj kaj en interpretado de anekdotoj. Enkadre de la literatura konkurso oni konkursos en kategorioj de originala kaj tradukita poezio kaj prozo. Por la deklama konkurso eblas elekti libervolan poemon. Por la konkurso en interpretado de anekdotoj oni devas prepari du anekdotojn.

La aliĝilojn por tiuj ĉi konkursoj (per poŝtkarto) kaj konkursaĵojn sendadu al la adreso de la sekretariino de RK SEA:

Klára Sabová
Bajzova 18
010 01 ŽILINA

ĝis la 15-a de februaro 1986!

Aktiva partopreno kadre de la kultura vespero kaj la organiza seminario estos konsiderata en la pritaksado de la laboro en E-kluboj de nia regiono. Ni alvokas E-klubojn organizi amasan partoprenon en nia regiona renkontiĝo. Pliajn informojn, invitilojn kaj aliĝilojn vi ricevos sur la menciita adreso.

## KONSULTIĜO EN POPRAD

Al ĉiuj niaj legantoj certe estas bone konata la fakto, ke la reprezentantoj de E-organizaĵoj el soc. landoj ĉiujare renkontiĝas por priparoli siajn specifajn problemojn enkadre de t.n. Konsultiĝoj. La 19-a Konsultiĝo okazos en Poprad de la 20-a ĝis la 26-a de aprilo 1986. La gastiganto de la 19-a Konsultiĝo estas Slovakia Esperanto-Asocio.

## SILVESTRA BALO

Preskaŭ 30 gejunuloj amuzis sin dum la Silvestra Balo, kiun organizis Klubo de Junaj Esperantistoj en Poprad. Juneca etoso kaj agrabla medio en la Asocia Domo kreis favorajn kondiĉojn por la sukcesa aranĝo.

## SELKO

En la jaro 1972 okazis la unuan fojon Somera Esperanto-Lernejo, kiun organizis esperantistoj el Košice. Tial oni komencis uzi por tiu ĉi aranĝo la mallongigon "SELKO". La lokoj, kie estis organizitaj la lernejoj, estis kelkaj. en 1972 ĝi okazis proksime al la vilaĝo Opátka, poste en Košická Belá, kaj en la suda parto de Slovaka Paradizo - en Dedinky. Ekde 1982 okazadis SELKO en bela kaj agrabla kampadejo de la urbeto Jasov. Jam delonge la lernejo ne estis la afero nur de la E-klubo en Košice, sed esperantistoj el diversaj landoj jam alkutimiĝis al tiu ĉi mallongigo kaj tial ĝin la organizantoj lasis. Nuntempe SELKO'n organizas Kleriga Centro de SEA en Poprad. En la jaro 1985 estis SELKO organizita jam la 14-an fojon. Lastfoje ĝi okazis en Jasov kaj SELKO `86, laŭvice jam la 15-a , okazos en Poprad, en la Asocia Domo, en du sinsekvaj partoj. En Poprad, en la sidejo de SEA, ni volas krei novan tradicion de Someraj E-Lernejoj, surbaze de la ĝisnunaj 14-jaraj spertoj. Nia 15-a tradicia lernejo uzos ankoraŭ la mallongigon SELKO`86, pro la historiaj kialoj, kvankam tio nun jam ne estas tute logika. Per tiu ĉi jaro finiĝos la historio de SELKO`j. En la jaro 1987, en la jubilea jaro por esperantistoj, komencos funkcii Somera Esperanto-Lernejo en Tatroj - "SELTO`87".

SELKO`86 okazos de la 6-a ĝis la 19-a de julio 1986 (la kursoj A kaj B) kaj de la 20-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto 1986 (la kursoj B,C kaj D). Ĉiuj, kiuj interesiĝas pri la partopreno en SELKO`86, bonvolu tuj skribi al:

Slovakia Esperanto-Asocio
Sobotské nám. 6,
CS-058 01 POPRAD

NOMBRO DE LA PARTOPRENONTOJ ESTAS LIMIGITA!

M.Zvara

Novaj Esperanto-rondetoj

## KRÁĽOVSKÝ CHLMEC

Post korespondado, telefonado kaj personaj renkontiĝoj ni sukcesis aranĝi du Esperanto-kursojn kaj rondetojn en Kráľovský Chlmec, en la plej oriente situita angulo de nia lando.

Ni demandis s-inon Blanka Hejdoková, instruistinon, kiu pleje kontribuis al la ekesto de la rondetoj, kiel kaj kiam ŝi esperantistiĝis.

"Estas interese", diris s-ino Hejdoková, "ke tiam, kiam mi ekkonis ›

samideanon J.V.Dolinský kaj D-ron Ĺ. Izák, mi ne fariĝis esperantistino, malgraŭ tio, ke mi estis anino de la instruista ĥoro, kiun gvidis s-ano Dolinský. Tiam mi estis juna instruistino kaj S-ano Dolinský ofte rakontis al ni pri Esperanto. Mi kunlaboris ankaŭ kun D-ro Izák, kiu estis prezidanto de la socia zorgema instituto kaj kunlaboris kun Ruĝa Kruco. Kadre de tiu instituto mi gvidis prizorgejon por malriĉaj infanoj, kiuj ricevis manĝadon kaj vestaĵojn de la dumenciitaj organizaĵoj. Mi ĝis nun havas foton pri D-ro Izák. Sur ĝi li estas en la societo de Elena Maróthy Šoltésová, kiu donis la nomon al la prizorgejo. La fama verkistino mortis ankoraŭ en la sama jaro!"

"Ŝia nomo estas bone konata ankaŭ inter esperantistoj, ĉar fragmento de "Miaj infanoj" troviĝas en Slovaka Antologio, esperantigita de Dr-ino M.Šaturová. Mi petas vin, diru al ni ankoraŭ ion pri D-ro Izák."

"Li estis tre afabla homo. Ankaŭ li ofte rakontis al mi pri Esperanto. Sed dum la milito kaj post ĝi ne estis eble aliĝi al esperantistoj. Poste, kiam mi loĝis en Chlmec, mi serĉis esperantistojn, sed vane."

"Mi tre ĝojas, ke vi fine trovis vojon al esperantistoj kaj ke vi ekagis. Kiu helpas vin en via poresperanta agado?"

"Mi kunlaboras kun s-anino Valéria Popalyová, gvidantino de la Kleriga Centro en Chlmec kaj s-ano Tibor Becza, kiu komencis lerni Esperanton en la kurso de ČEMADOK en Košice en 1980. Ni aranĝis du kursojn, unu por pioniroj kun 25 lernantoj, tiujn instruas mi mem, kaj la alian en la Kleriga Centro, kiujn instruas s-ano Becza. Tie estas 12 plenkreskuloj."

"Mi dankas pro viaj informoj kaj deziras al vi ĝojplenan laboron. Mi esperas, ke post la sukcesa komenco vi eltenos kaj progresos same sukcese. Ĝis revido!"

E.B.

## SLOVAKIA NATURO ATENDAS VIN

La 12-a Turisma Semajno (TUSE) okazos en Slovaka Paradizo, proksime al Spišská Nová Ves, inter la 19-a kaj la 25-a de julio 1986. Loĝado en 2-4-litaj ĉambroj en turismaj domoj, manĝado en kampadejo. En la programo estas perpiedaj ekskursoj, du tuttagaj perbusaj ekskursoj al Levoĉa, Glacia Groto de Dobšiná kaj al Altaj Tatroj. Vespere E-programoj, amuzvesperoj kaj konkursoj.

Kotizo: 700-930 Kčs. Membroj de SEA ricevas 10%-an rabaton. Specialaj premioj por partoprenontoj, kiuj parolos nur Esperante! Pliajn informojn donas kaj aliĝilojn akceptas:

Peter Pavúk
Jilemnického 17
CS-052 01 Spišská N. Ves

Tuj post "TUSE `86" (la 26-an de julio) komenciĝos en Žilina "Turismaj Tagoj - TUTA `86", pri kiuj donas la informojn:

Inĝ. Juraj Gondžúr
Levočská 3
CS-010 08 ŽILINA.

NE FORGESU PROFITI LA EBLECON PASIGI DUSEMAJNAN LIBERTEMPON EN BELEGA SLOVAKA NATURO!

## KULTURAJ TAGOJ 1985

La 7-an kaj la 8-an de decembro 1985 okazis en nia Asocia Domo en Poprad grava kultura evento. Post diligenta preparado prezentis sin - enkadre de "Kulturaj Tagoj 1985" - la plej bonaj partoprenintoj de la regionaj konkursoj en deklamado de poemoj, rakontado de prozaĵoj kaj en verkado kaj tradukado de belartaĵoj.

La ĵurio, ges-anoj M.Čermáková, D-ro A.Lukáč kaj A.Zachariáš, taksis la aŭskultitajn kaj legitajn verkojn laŭ la jenaj kriterioj:
- literatura valoro
- taŭgeco de la elekto
- kompreno kaj prezento
- lingva perfekteco
- parkera rego de la teksto.

La rezulto de la taksado laŭ la atingitaj poentoj estas:

En la infana kategorio estis aljuĝitaj tri premioj:
1. Alexandra Andreasová, Košice, deklamis la poemon de S.Maršak: "La ekspedaĵo"
2. Sylvia Kancianová, Prešov, poemo de L.Jevsejeva: "Trolebuso"
3. Andrea Sorgeová, Prešov, poemo de L.Jevsejeva: "Ne demandu!"

La plenkreskuloj prezentis prozajn verkojn kaj gajnis la lokojn jene:
1. Marta Onušková el Košice elektis la novelon de Eva Benická: "Nokta vojaĝo". Ŝi prezentis kun profunda sentimento la renkontiĝon de la fama E-verkisto Eroŝenko kun nekonata juna virino en nokta trajno. La aŭskultantoj plene travivis la romantikan situacion.
2. Mária Wertlenová el Bratislava, prezentis fragmenton de La Eta Princo de Saint Exupèry, ŝatata verko de infanoj kaj plenkreskuloj.
3. A.Komlošiová prezentis al la publiko parton de La Verda Biblio de Lejzerovicz, eminenta verkisto, tragike mortinta pro la malhumaneco de faŝismo.

Dum la muzika konkurso kantis Esperanto-kantojn belvoĉa s-ino Lukáčová el Prešov, akompanita per gitaro de sia frato. Ili gajnis la unuan premion en tiu ĉi kategorio.

La ĵurio pritaksis ankaŭ la prezentitajn originalajn literaturajn verkojn kaj tradukaĵojn.

S-ano Tomáš Majerník el Prešov laŭtlegis siajn poemojn, inter ili la ridetigan "Vane vi kaŝiĝas", kaj gajnis la unuan premion.

La originalaj prozaj verkoj atingis en la pritakso la jenan vicordon:
1. "Maria", sub la pseŭdonimo "Filino"
2. "Dio el maŝino", anonima
3. "Ĉu vere devis esti viro la unua?" - anonima.

En la kategorio de tradukaĵoj ne estis aljuĝita la unua premio, nek la dua. La trian gajnis traduko de la rakonto "Salo super oron" (anonima).

La belartajn verkojn trarigardis faka komisiono kaj aljuĝis la premiojn jene:

Pentraĵoj:
1. Klára Golodseyová, Košice, "Printempo"
2. Jozefina Semanová, Košice, "Muta naturo"
3. Aljuĝitaj estis du premioj:
S-ino Žoltáková, Košice, "Floroj"
s-ro Fr.Zöld, Borša, "Moderna naturo".

Etplastiko:
1. S-ino Tóthová, Košice
2. S-ro Žolták, Košice

Fotografaĵoj:
1. Milan Ondruš, Žilina
2. Bartolomej Kolibár, Nitra

Koloraj diapozitivoj:
1. Inĝ. Milan Zvara, Poprad, "Renkontiĝo kun la urso nomita Maco (diapozitiv-serio)
2. Bartolomej Kolibár, Nitra, "Kolora folkloro" (diapozitiv-serio).

## Malfermo de la Asocia Domo

Dua parto de Kulturaj Tagoj estis dediĉita al solena transdono-transpreno de la Asocia Domo de SEA en Poprad. Ĉeestis ĝin ankaŭ gastoj, kamaradoj J.Buda, reprezentanto de Kulturministerio kaj K.Jurčo, direktoro de Distrikta Kleriga Centro en Poprad. La programon komencis fragmento de poemo de M.Válek "Hejmo estas...", kiun deklamis s-ino Marta Onušková. D-ro Lukáč, prezidanto de SEA, malfermis la solenan kunsidon per vortoj: "Ni estas feliĉaj, ke ni povas ĉeesti tiun ĉi historian okazaĵon. Nun ni havos lokon, kie ni povas labori kaj disvastigi nian movadon. Esperanto faras multon por nia lando, ĝi malfermas vojon al aliaj landoj. Hodiaŭ, kiam ni ĉiuj timas pri la fragila paco en la mondo, ankaŭ Esperanto estas unu el rimedoj, kiel zorgi pri la paco. Esperanto kaj paco estas egalaj nocioj. Post la milito, kiu estus la lasta, ne ekzistus plu Esperanto, nek homoj. Nia socialisma patrujo, kiu donis al ni la liberecon antaŭ 40 jaroj, nun ebligas al ni, esperantistoj, havi propran kulturan centron.

Estas malfacile aprezi la meritojn de la iniciatinto de tiu ĉi afero, Inĝ. Milan Zvara. Sen lia oferema laboro tiu ĉi hejmo de slovakiaj esperantistoj ne ekzistus. En lia laboro helpis lin liaj plej proksimaj kunlaborantoj en Poprad, s-anoj Neubeller, Várady, Šivecová, sed ankaŭ dekoj da junaj esperantistoj el ĉiuj regionoj de Slovakio, eĉ Ĉeĥio, kiuj venadis tien ĉi por brigadlabori.

Ni dankas ankaŭ al la organoj ŝtataj kaj urbaj, kiuj nin subtenis kaj helpis. Ni promesas, ke ni kolopodos rekompenci. Jam nun aŭdas multaj esperantistoj pri la urbo Poprad kaj eble kelkaj el ili eĉ pensas, ke Poprad estas ĉefurbo de nia lando."

Per tiuj vortoj finis ŝerce sian parolon D-ro Lukáč kaj transdonis la ŝlosilojn de la konstruaĵo al Inĝ. Zvara, patrono de la Asocia Domo, per la vortoj: "Mi deziras al vi, ke vi uzu tiun ĉi domon longajn jarojn kaj ke viaj zorgoj nun ne ĉesu!"

Inĝ. Milan Zvara dankis pro la entuziasmaj vortoj de la prezidanto de nia asocio kaj certigis lin, kaj nin ĉiujn, ke jam nun li zorgas pri la akiro de dua domo por la Asocio, kiu estos finrekonstruita en 1990.

V.Čuchran, direktoro de Filharmonio en Košice, akordeona virtuozo, antaŭ la prezento de sia programo diris: "Ankaŭ mi volas helpi la celojn de E-movado per mia propra maniero, per muziko. Muziko estas voĉo de ĉiuj bonvolemaj homoj sur la tero. Nek Esperanto, nek muziko bezonas interpretistojn. Ili ambaŭ volas pacon kaj komprenemon inter la homoj. Tial mi venis al vi." Poste eksonis "Tarantelo" de Václav Trojan kaj "Kanto kaj finalo de suito por akordeono" de Alexander Cholnin. La publikon ravis la virtuoza prezentado. Aŭskultinte la Tarantelon multaj certe pensis, ke la komponaĵo estis intence elektita, ĉar la naturo de la "patrono" de la Asocia Domo similas al Tarantelo: ĉiam vigla, viva, ĉie ĉeestanta.

S-ano Tomáš Plaszky prezentis la venkan teatraĵon de PIF`85 en Zagrebo - Joĉjo`n Pizeto`n - kaj ridigis la aŭskultantaron per rapidaj, neatenditaj movoj kaj voĉŝanĝoj, prezentante jen Joĉjon, jen la patron, jen la reĝon. Li plene meritis la grandan aplaŭdon.

En la nomo de Kulturministerio salutis la ĉeestantojn kamarado J.Buda. Li parolis pri la komprenemo inter la nacioj, kio estas ankaŭ celo de Esperanto. Pro tio estas Esperanto simpatia movado. La lastaj eventoj en la monda politiko ebligas al ni ĉiuj esperi, ke la sana saĝeco de popoloj fine venkos. Ankaŭ la klopodo de esperantistoj estas la sama, - diris plie kamarado Buda kaj deziris al la slovakiaj esperantistoj, ke iliaj deziroj plenumiĝu kaj ke la instruado de Esperanto estu envicigita en la nacian pedagogian sistemon.

Kamarado K.Jurčo deziris pluajn sukcesojn al nia movado kaj promesis kunlaboron kaj helpon al SEA.

Post la oficiala parto de la programo sekvis libera babilado kaj s-ano Čuchran surprizis la ĉeestantojn, ludinte dum la resto de la vespero per sia akordeono bone konatajn salonverkojn, sed ankaŭ verkojn de J. S.Bach. La publiko sidis senvorte kaj kortuŝe aŭskultis miraklajn sonojn de la akordeono.

S-ano Zachariáš, kiu gvidis la tutan programon, transdonis poste diplomojn al la gajnintoj en la konkurso de Kulturaj Tagoj. Plejparte temis pri samideanoj el Košice, Prešov, Bratislava kaj Nitra.

Ni esperas, ke en Kulturaj Tagoj 1986 aperos ankaŭ la nomoj de aliaj urboj lige kun la loĝloko de la konkursontoj, eble Rožňava, Žilina, Martin, eble estos reprezentitaj ankaŭ la novaj rondetoj en Prievidza, Čadca, Kráľ. Chlmec kaj aliaj. Prepariĝu jam nun! Ni deziras multajn sukcesojn al la venontjaraj reprezentantoj kaj gratulas al la ĉi-jaraj partoprenintoj kaj gajnintoj.

E.B.

## Humuro



- Manjo, permesu, ke mi donacu al vi bukedon da senilaj sklerozoj.. (-SM-)

REMEMOROJ PRI

# SELKO '85

per objektivo de Milan Zvara



1,2 - Partoprenantoj de "SELKO '85" obeeme pozas antaŭ la objektivo de s-ro direktoro. 3,4 - La kurso "A", kiun "ĈE-metode" gvidis s-ro Rybín (staranta "ĉe" la tabulo). 5,6 - La kurso "B" por progresantoj, gvidata "Aŭdo-vid-(ktp.)-metode de Stano Marček. 7,8 - Elito (la kurso "C"), sub komando de Inĝ. Němec. 9,10 - "Esperantistid-vartejo". 11 - Kolbasrostado dum ĉebivakfajra amuzvespero. 12 - Gaja rondeto de fumantoj primokas la proksimiĝantan nefumanton. 13 - Diskuto pri "ATA/ITA" (persvadataj, sed jam okupitaj). 14 - "Ni finklaĉu, venas spiono kun fotilo!" 15,16 - Purigado de (venenaj) fungoj. 17 - Ripozo post laciga lernado (kiun anticipis tutnokta diboĉado).

(Tekstoj kaj grafika aranĝo: -SM-)

# Tra Esperantujo

## DISERTACIO PRI DLT-PROJEKTO

La 16an de septembro 1985 en la altlernejo Polytechnic South Bank en Londono, Ian Fantom publike prezentis sian magistran disertacion pri la perkomputila tradukprojekto Distribuita Lingvo-Tradukado (DLT), kiu uzas modifitan Esperanton kiel interlingvon. Fantom ellaboris por DLT apartan sistemon por analizi plursencajn frazojn. Li poste prelegis pri sia laboraĵo ankaŭ en Universitato de Manĉestro kaj en Londona E-Klubo.

(Laŭ "Esperanto")

## AGRIKULTURO

La Agrikultura Ekspozicio de GDR en Leipzig-Markleeberg eldonis multkoloran afiŝon pri agrikulturo en Esperanto. La dupaĝa afiŝo estas senpage mendebla (uzante Esperanton) ĉe:

Agrikultura Ekspozicio de GDR,
Raschwitzer Str.11/13,
DDR-7131 Markleeberg, GDR

## DOKTORIĜO PRI ESPERANTOLOGIO

La 6-an de junio en la Universitato ELTE en Budapeŝto, ĉe profesoro Szerdahelyi, doktoriĝis Jozef Páva. Ĉi tiu doktoriĝo estas signifa pro du kaŭzoj: ĝi estas la unua doktoriĝo, kies ĉefa objekto estis Esperantologio (do la titolo estas: "Doktoro pri Esperantologio"), krom tio ĝi estas la unua doktoriĝa disertaĵo, verkita en Esperanto: "La semantika kampo de la verbo teni kompare kun ĝiaj hungara kaj franca ekvivalentoj".

(Laŭ Budapeŝta Informilo)

## KROMPAGO POR ESPERANTO

En Hungario personoj, kiuj havas ateston pri ŝtata ekzameno pri iu ajn lingvo, rajtas ricevi 8-15-procentan krompagon al sia monata salajro pro la praktika utiligo de la koncerna lingvo. Inter la kvin, por komputistoj plej necesaj lingvoj, viciĝas en la tutlanda komerca instituto KERSZI ankaŭ Esperanto. La direktoro de KERSZI, D-ro Nándor Vass, pri la afero diris: "Ĉiam pli kaj pli pruviĝas la praktika utiligebleco de Esperanto en komputado. La komencon de la nova erao ni rimarkis antaŭ du jaroj, dum la konferenco INTERKOMPUTO, kie komprenebIe ankaŭ mi utiligis la eblecon prelegi antaŭ la internacia publiko kaj en la impona, 6-voluma prelegaro aperis ankaŭ mia prelego. Ankaŭ nia instituto utiligas tiujn unikajn reklameblecojn, kiuj malfermiĝas por ni helpe de la esperantlingva komputista fak-literaturo. Tio signifas, ke ni mendis anoncojn ne nur en INTERKOMPUTO `82 (volumaro), sed ankaŭ en la kvaronjara serio INTERNACIA KOMPUTADO. Mi esperas, ke baldaŭ amaso da niaj kunlaborantoj eklernos Esperanton kaj - por la modesta krompago - ili alportos al nia instituto grandegan utilon".

D-ro Péter Broczkó

## ESPERANTO-BASIC

La plej disvastiĝinta program-lingvo de mikrokomputiloj, la tiel nomata BASIC, jam funkcias ankaŭ kun Esperantaj ŝlosil-vortoj. La originalan Esperantan version faris s-ro Y.Motohiro en Japanio (detala priskribo en "Internacia Komputado 4/1984"). Interesiĝantoj pri pli detalaj informoj bv. skribi rekte al la aŭtoro: S-ro Yamasaki Motohiro, Minakamidai 226, NAGANO 381-12, Japanio.

## KOLEKTANTOJ-ESPERANTISTOJ

La redaktoro de la revuo "Kolektanto" informas, ke multaj esperantistoj skribas al la redakcio kaj pledas pri la fondo de Internacia Sekcio de Kolektantoj. Ĝi povus ludi gravan rolon en la vivo de tutmonda esperantistaro, ĉar preskaŭ ĉiu esperantisto ion kolektas.

Interesiĝantoj pri la afero bv. skribi al:

Revuo "KOLEKTANTO"
redaktoro Dimitar Denĉev
bulv. Ĥristo Botev 97,
BG-1303 Sofio, Bulgario

## LA 14-A "SIS"

La 14a Scienca Interlingvistika Simpozio okazos en Varsovio, de la 27a de aprilo ĝis la 1a de majo 1986. Informojn donas:

Akademia Centro Lingvistika,
RN de ZSP, Ordynacka 9,
PL-00-950 Varsovio, Pollando

## PROSPEKTO PRI KIMRUJO

Esperanto-Federacio de Kimrujo aperigis esperantlingvan prospekton pri Kimrujo. Kontraŭ internacia respondkupono ĝi estas havebla ĉe: S-ro John Becker, Henfryn Mill House, Pentrecwrt, Llandysul, Dyfed, SA445BD Britujo.

## BROŜUROJ PRI VALENCIA

Kultura konsilantaro de la urbestraro en Valencia, kunlabore kun Grupo Esperanto de Valencia, eldonis tri belajn kolorajn broŝurojn pri Valencia sub titoloj: "Historio kaj arto", Vojaĝplanoj" kaj "Festoj kaj gastronomio". Interesiĝantoj skribu al: Grupo Esperanto de Valencia, Gran Via Fernando el Catolico, 45-3°, Valencia-8, Hispanio.

## TELEVIDA FILMO PRI ESPERANTO

La studio por TV-filmoj "Ekran" en Sofio kreis 25-minutan koloran dokumentan filmon (16 mm) "Leciono de Esperanto". Ĝi estas la unua bulgara profesia filmo, kies ĉefa temo estas la disvastiĝo kaj atingaĵoj de Esperanto en Bulgario ekde la unuaj jaroj de la jarcento ĝis hodiaŭ.

La filmo konigas al la neesperantista publiko malmulte konatajn faktojn kaj personojn el la bulgara kaj tutmonda E-movado, prezentas momentojn el la 68-a UK de Esperanto en Budapeŝto k.s. La filmo vekis ĉe la spektantoj grandan eĥon, pri kio asertas multaj laŭdaj leteroj. Tio kuraĝigis la aŭtorojn serĉi novajn temojn por la filmoj pri Esperanto.

## ESPERANTO-KLUBO PRI FUTBALO

En la dua kajero de la revuo "Verda Tapiŝo", organo de Internacia Esperanto-Klubo pri Futbalo, aperis fakaj artikoloj pri futbalo en diversaj landoj (Angolo, Brazilo, Britio, Ĉinio, Kostariko, FRGermanio, Belgio, Nederlando, Hungario, Sovetunio ktp.). La klubanoj komencis kompili fakvortaron pri futbalo. Kontribuaĵojn por "Verda Tapiŝo" vi povas sendi al la redaktoro: Flavio Augusto Gomes, Caixa Postal 4062, BR-90000 Porto Alegre-PS, Brazilo.

## LA 5-a "IMEK"

La 5-a Internacia Medicinista Konferenco okazis de la 8-a ĝis la 14-a de septembro 1985 en Schwerin (GDR). Partoprenis ĝin 86 medicinistoj el sep landoj (La plej malproksima el Islando). Dum la konferenco estis prezentitaj 41 valoraj medicinaj referaĵoj kun ĝenerala temaro. La partoprenintoj vizitis modernan urban hospitalon kaj du poliklinikojn en kampara regiono. Krom la oficiala prelegaro estis organizitaj ankaŭ kulturaj aranĝoj, kiel vizito de lokaj historiaj konstruaĵoj kaj artaj muzeoj, tutvespera ŝipa veturado sur kvar apudmaraj lagoj, koncerto de arĉkvarteto dum solena malfermo de la konferenco, vespera solena koncerto de malgranda salona orkestro de la Schwerin'a fiharmonio en tronsalonego de la kastelo, vizito de antifaŝisma monumento, busa ekskurso al Güstrow, tradicia vespera dancbalo de IMEK. La landaj reprezentantoj estis loĝigitaj en luksa hotelo "Stadt Schwerin" kun moderna ekipo kaj modela prizorgo. La manĝado okazis en sindikata konferencejo kaj ankaŭ tiu estis senriproĉa.

Fina pritakso de la konferenco estis tre pozitiva kaj la rezolucio, publike aliĝanta al la monda medicinista movado kontraŭ la atombomba danĝero, estis unuanime akceptita. La atmosfero estis tute amika, ĉar multaj partoprenantoj vizitis IMEKon jam plurfoje. Tre pozitiva estis partopreno de novaj talentoj, kio certigas esperantistan medicinistan movadon por la estonteco.

El ĈSSR partoprenis en la 5-a IMEK ses medicinistoj kaj prelegis Dr-o Vladimír Harna, Dr-o Josef Hradil, Josef Patera kaj Dr-o Štefan Grenda.

La estonta IMEK okazos dum la semajno antaŭ la Jubilea Universala Kongreso en la jaro 1987, en Krakovo (Pollando)

Dr-o Štefan Grenda
Subtatra E-klubo Poprad

# Faka Agado

## FERVOJISTA JARKUNVENO EN GDR

La fervojistaj esperantistoj en GDR ĉiujare aranĝas jarkunvenon, kies tasko estas taksi rezultojn de la kuranta jaro, fari konkludojn kaj determini la estontajn taskojn.

La lasta jarkunveno okazis la 15an ĝis 17an de novembro 1985 en bela regiono de Saksa Svisujo, en feria loko Pfaffendorf, proksime de Köningstein. Laŭ invito de la germanaj kolegoj partoprenis ankaŭ esperantistoj-fervojistoj el Ĉeĥoslovakio kaj Hungario.

Post la alveturo al Köningstein ni estis kore akceptitaj kaj post atingo de la proksima Pfaffendorf ni estis loĝigitaj en belaj privataj ĉambroj. Por plifaciligi la interkompreniĝon inter fremdlandaj gastoj kaj germanaj gastigantoj (neesperantistoj) kaj por ke oni laŭeble forigu krokodiladon, ni estis loĝigitaj en duopoj, konsistantaj el germana kaj eksterlanda kolegoj.

Post loĝigo kaj iometa ripozo post longa vojaĝo ni komune renkontiĝis en konferencejo, kie ni post komuna vespermanĝo interkonatiĝadis, babilis kaj kantis ĝis la dudekdua horo.

Sabate antaŭtagmeze okazis labora parto de la konferenco. Post la varmtonaj enkondukaj vortoj la prezidanto de FE GDR Achim Meinel raportis pri la dumjara laboro kaj agado. La membraro ne kreskis. La bulteno "Fervojistaj Novaĵoj" regule aperadis kun enestanta listo de fakaj fervojaj terminoj - rezulto de la laboro de terminara komisiono. Oni jam alvenis al la litero "O". Oni aranĝis kaj partoprenis aranĝojn ne nur en GDR, sed ankaŭ en Hungario, Ĉeĥoslovakio kaj Pollando. Kun Hungario, Ĉeĥoslovakio kaj iliaj fervojistaj sekcioj oni bone kontaktas kaj kunlaboras. Komenciĝis kaj disvolviĝas ankaŭ la kunlaboro kun polaj kolegoj, kies ĉi-jaran 2-an tutlandan kongreson en Swidnica partoprenis du delegitoj de FE GDR. En 1986 oni planas partopreni la 38-an IFEF-Kongreson en Skopje, Jugoslavio kaj kelkajn aranĝojn en ĈSSR, Hungario kaj Pollando.

En la nomo de la ĉeĥoslovaka delegacio salutparolis la prezidanto de FS ĈEA s-ano František Strumínský, en la nomo de Hungara Fervojista Sekcio parolis János Patay. Ambaŭ raportis pri bonaj kontaktoj inter siaj kaj GDR-aj sekcioj kaj invitis al kelkaj Esperanto-aranĝoj, kiuj okazos en iliaj landoj en la jaro 1986.

Oni devas laŭde mencii ankaŭ la poste okazintajn fakprelegojn - tiun de la kolego Horst Jasman "40 jaroj de la fervojo en la manoj de la popolo, 150 jaroj de la germanaj fervojoj" kaj de la kolego János Patay el Budapeŝto pri la hungara fervojo kaj ties kunlaboro kun ČSD kaj DR.

Sabate vespere ni komune babilis, amuzis kaj kantis kun muzika akompano de la kolego Gerhard Zeidler el Karl-Marx-Stadt. Menciinde estas, ke dum tiu ĉi vespero la unuan fojon publike eksonis la "Fervojista Kanto", en la prezento de ĉeĥaj kolegoj, laŭ la muziko de la ĉeĥa komponisto Josef Poncar kaj la teksto de Bohumil Nádvorník, esp.-igita de Josef Cink.

Al la jarkunvenoj de niaj germanaj kolegoj apartenas ankaŭ ekskursoj. Sabate posttagmeze ni komune veturis per trajno al Dresdeno, kie ni sub ĉiceronado de Rita Wirges unue interkonatiĝis kun nova speco de tramtrakoj sur krucformaj laŭlongaj ŝpaloj, kiu kuniligas avantaĝojn de transversaj ŝpaloj kun avantaĝoj de slaboj. Post sukcesa provo de la laŭlonga ŝpalo en laboratorio oni ekde aprilo 1982 testas tiun novan specon de tramtrako sur krucformaj laŭlongaj ŝpaloj dum trafiko sur dutraka 125-metrojn longa testejo certiganta preskaŭ ekstremajn kondiĉojn (radiuso 220 metrojn, relkromalto 60 mm ktp.). Poste ni komune vizitis la faman ŝtatan Semper-operejon en Dresdeno, grave detruitan en 1945, sed rekonstruitan de la germana popolo en la jaroj 1977-1984 al origina beleco kaj stilo. El la Semper-operejo ni iris tra historia parto de Dresdeno al Trafika Muzeo, kie ni komune vizitis la ekspozicion "150 jaroj de la germana fervojo" kaj aliajn partojn de la muzeo.

Dimanĉe antaŭtagmeze ni komune pilgrimis tra parto de Saksa Svisujo, vizitante la rokaron Pfaffenstein (La Pastora Monto) 427 metrojn altan.

Vere kontentaj kaj kun multaj rememoroj pri la belaj travivaĵoj ni dimanĉe posttagmeze adiaŭis niajn germanajn kolegojn. Kun dankvortoj pro la bone preparitaj kaj travivitaj tagoj ni deziris al niaj germanaj kolegoj multajn sukcesojn en ilia agado. La venonta jarkonferenco de fervojistaj esperantistoj en GDR okazos en la tagoj 31.10.-2.11.1986 en Stollberg.

Jindřich Tomíšek

# Beletra Angulo

## Voj-mallongigo

Vlado Ďuran

Mi loĝas en nova parto de la urbo. Konstruante ĝin, la konstruantoj ne forgesis, ke nova kvartalo ne estas nur altaj betonaj domoj, sed ankaŭ iom da naturo en la formo de parko. Do ili lasis inter la domoj belan liberan spacon, sur kiu aliuj specialistoj-ĝardenistoj plantis plenkreskajn arbojn, eble 20-25-jarajn. Inter la arbojn ili semis grandajn bedojn de bela herbo kaj inter la herbobedojn ili lokigis kelkajn bedojn de florarbustoj kaj de diversaj floroj.

Mi loĝas en la unua etaĝo en angulo de pluretaĝa loĝdomo kaj el miaj fenestroj mi tre bone vidas unu el tiuj florbedoj, en unu el la anguloj de la parko. Tra la parko oni devas iri, se oni volas veni al la stacidomo. La veturontoj ofte devas rapidi-rapidegi kaj tiel okazis, ke klopodante laŭeble mallongigi al si la vojon al la stacidomo, ili anstataŭ ĉirkaŭiri la florbedon komencis iradi trans la florbedo. Ili estis gelernantoj el la proksima lernejo, sed ankaŭ diversaj laboristoj, oficistoj kaj okupitoj de diversaj urbaj entreprenoj. Estis necese nur, ke iu komencu, kaj vidante la piedsignojn trans la florbedo, pluaj sen longa pripensado aliĝis al la pioniro...

Kompreneble tia stato kolerigis min, do mi plurfoje alkriis el la fenestro la gelernantojn, kiam ili manifestis sian pigrecon kaj sensentemon al la naturo, irante trans la florbedo.Sed tion mi devintus ne fari, ĉar nia junularo, nia ĝojo kaj espero de nia estonteco, vidante, ke mi estas en la loĝejo kaj ne povas praktike interveni, ne tre ĝentile respondis al mi. Do, por ŝpari al mi tiajn ĉi malvenkojn, mi prenis pecon da kartono, skribis sur ĝin grand- kaj diklitere"TRAPASO MALPERMESITA!" kaj lokigis ĝin sur pecon da lato, kiun mi enpikis en la florbedon ĉe la komenco de novefarita paŝvojeto.

Mi scivolis pri la rezulto. Ĝi estis nula. Oni neglektis la malpermeson kaj plu paŝadis tra la bedo. Iu baldaŭ turnis la laton kun la kartono kaj post kelkaj tagoj iu eĉ eltiris ĝin el la tero kaj la tabulo kuŝis inter la floroj. La paŝvojeto plilarĝiĝadis kaj ĉiam pli multaj floroj estis detruataj.

Mi pridiskutis la aferon kun iuj samdomanoj. "Ni devas procedi pli psikologie, pli delikate," opiniis unu samdomano, pedagogo. "Sed kiel?" demandis ni. "Ni faru provon. Mi faros novan tabulon. Morgaŭ matene ĝi estos tie." Do bone. Ni scivolis, kio estos sur la nova tabulo. Kaj fakte, estis sur ĝi vere delikata teksto: Karaj samurbanoj, ni petas vin, helpu al ni protekti la naturon de niaj parkoj, ne detruu niajn florbedojn. Helpu fari kaj teni nian urbon bela! Dankon!" Tiel. Mi scivolis, kia estos la rezulto. - Nula. Ĉiuj ĝisnunaj malatentantoj de la malpermeso malatentis ankaŭ la petojn kaj paŝadis trans la bedo, kaj la sekvan tagon mi vidis areton da lernantoj, kiel ili tralegas ĥore la peton kaj tralegginte ĝin ridaĉas kaj amase transiras la bedon. - "Malsukceso!" konstatis ni post kelkaj tagoj malĝoje kaj ekcerbumis eĉ pli forte, kiel savi la florbedon. Ni kapablis elpensi nenion. Tamen ni ne rezignis. Iun sabaton la urbanoj havis brigadon kun la celo plibeligi la publikajn spacojn, parkojn, placojn ktp. Ni denove pioĉis kaj fosis la florbedon, likvidis la paŝvojeton malgraŭ tio ke ni jam vidis,kiel la pigraj kaj rapidegantaj veturontoj per la vagonaro estigas ĝin denove. "Se ĝi restus tia ĉi," eksuspiris unu el la brigadanoj, "sed post du tagoj denove estos ĉi tie aŭtoŝoseo." "Ne devus esti," rimarkigis iu."Kion vi volas fari?" demandis ni. "Estas erare uzi negativajn sloganojn. Negativa slogano, malpermeso ja rekte provokas iujn homojn al malobeo, fari ĝuste tion, kion oni malpermesas al ili. Estas necese uzi pozitivajn esprimojn."

"Kion vi volas fari? Kaj kiel vi volas tion fari?" demandis mi denove. "Mi provos ion," diris la parolinto. "Morgaŭ vi vidos kaj ni povos konstati, ĉu mi sukcesis." - Do bone. La sekvan tagon mi elrigardis tra la fenestro, kaj jen: de la stacidomo estis venanta "serpento" da alveturintoj. Iuj haltis ĉe la nova tabulo, tralegis ĝin, ekridetis, balancis la kapon kaj kuraĝe ekpaŝis trans la florbedo. Kiam la serpento forpasis, mi malsupreniris por tralegi la novan, "pozitivan" mesaĝon al la uzantaro de transflorbeda paŝvojeto. Mi legis: "Karaj samurbanoj, ni dankas al vi, ke vi helpas al ni konservi nian urbon bela kaj ke vi ne detruas nian florbedon. - Por bela urbo,por sana vivmedio!" - Do la pozitivaj ĝentilajoj efikis egale malmulte kiel la antaŭaj negativaj, malpli ĝentilaj alparoloj. - Ni ne sciis, kion nun fari. Ĉu rezigni? Sed ni neniel volis konsenti, ke la nuntempaj homoj estas tiel rezistaj je ĉiu provo pri alproksimiĝo. Post kelkaj tagoj ni denove kelkaj el nia ŝtu-

paro renkontiĝis kaj parolis pri la situacio. Tiam unu el la samŝtuparanoj, multe pli juna ol la ceteraj, diris:

"Mi pensas, ke la kialo de nia malsukceso estas en tio, ke vi - bonvolu ne ofendiĝi pro tio - estas jam iom pli longe junaj kaj volas trakti la nunan generacion laŭ la metodoj, kiuj eble validus ĉe via generacio, sed ne validas ĉe la nuna. Tiu ĉi ja estas tute alia..."

"Nu, kaj kion vi volas fari?"

"Paroli kun ili per la lingvo, kiun ili komprenas."

"Kaj tiu estas - ?"

"Vi vidos. Kompreneble, mi povas nenion garantii, sed la provon ĝi valoras."

Do ni ĉesis paroli pri tio. Sed enlitiĝinte mi ĉiam ankoraŭ cerbumis pri la problemo.

Matene mi elrigardis el la fenestro. Ĝuste estis venantaj homoj de la fervoja stacio, alvenintaj per la t.n. "laborista kaj studenta" trajno. Tiuj, kiuj antaŭe kuraĝe kaj provoke iradis trans la florbedo, nun venis al la komenco de la nove farata paŝvojeto, tralegis la tabulon sur la lato, starante tie, returnis sin kaj iris pluen laŭ la pli longa, asfaltita paŝvojo. Mi ege scivolis, kio estas sur la tabulo, ke ĝi tiel mirakle efikas. Irante en la laboron mi iris al la tabulo, kaj traleginte la informon sur ĝi, mi tuj komprenis. Sur la tabulo staris:

"TRANSIRO POR BOVOJ, AZENOJ, ĈEVALOJ, IDIOTOJ KAJ ALIUJ STULTULOJ."

## AFORISMO

Ĉiam povas vi kritiki
en trankvil' aŭ kun fervoro
sed efikas pli ol vortoj
via modela laboro

(JARLICH)
Esperante reversis: VeGa

Jacques PREVERT (1900-1977)

## BÀRBARA

Memoru, Bàrbara
Pluvadis senĉese sur Breston tiun tagon
Kaj ci paŝis ridetanta
Gajmiena, ravita, malseka
Sub la pluvo
Memoru, Bàrbara
Pluvadis senĉese sur Breston
Kaj mi renkontis cin sur la Siam-strato
Ci ridetis
Kaj mi same ridetis
Memoru, Bàrbara
Ci kiun mi ne konis
Ci kiu ne konis min
Memoru
Memoru tamen tiun tagon
Ne forgesu
Viro sub pordego ŝirmis sin
Kaj li kriis cian nomon
Bàrbara
Kaj ci kuris al li sub la pluvo
Malseka, ravita, gajmiena
Kaj ci ĵetis cin en liajn brakojn
Memoru tion, Bàrbara
Kaj ne koleru al mi ke mi cidiras cin
Mi diras ci al ĉiuj kiujn mi amas
Eĉ se mi vidis ilin nur unufoje
Mi diras ci al ĉiuj kiuj amas
Eĉ se mi ne konas'ilin
Memoru, Bàrbara
Ne forgesu
Tiun pluvon saĝan kaj feliĉan
Sur cia feliĉa vizaĝo
Sur tiu feliĉa urbo
Tiun pluvon sur la maro
Sur la arsenalo
Sur la ŝipo al Ouessant
Ho Bàrbara
Kiel stultaĉa la milito
Kio fariĝis el ci nun
Sub tiu pluvo el fero
El fero, ŝtalo, sango
Kaj tiu kiu premis cin en siaj brakoj
Amege
Ĉu li mortis, malaperis aŭ ankoraŭ vivas
Ho Bàrbara
Pluvadas senĉese sur Breston
Kiel pluvadis antaŭe
Sed ne plu estas same kaj ĉio difektiĝis
Estas funebra pluvo terura kaj malĝoja
Tio eĉ ne plu estas ŝtormo
El fajro, ŝtalo, sango
Tutsimple estas nuboj
Kiuj krevas kiel hundoj
Hundoj kiuj malaperas
Laŭ la fluanta akvo en Bresto
Kaj iras putri foren
Foren tre foren de Bresto
De kiu restas nenio.

(Por "ES" tradukis Daniel Luez)

# Leterkesto

Ricevinte "Esperantisto Slovaka" 4/85 mi ne povas ne gatuli vin kaj vian redaktan kolegion pro la novaj vesto kaj enhavo de la revuo.

Ke le revuo bonfartu ankaŭ estonte, deziras al vi

Detlev Blanke
Berlin, GDR

***

La krucenigmo estas bonvena vivigo de ES. Mi ĝojas, ke ĝi estas konkursa, tiel ĝi ne nur min, sed ankaŭ aliajn esperantistojn devigos per ne perforta formo plialtigi la vortprovizon. Mi bonvenigus ankaŭ aliajn mallongajn konkursaĵojn.

La nova modelo de ES al mi plaĉas. Ni alte taksis ĝin ankaŭ dum la kunveno de nia E-klubo en L. Mikuláŝ. Vi do komencis bone kaj mi deziras al vi multe da elano al plia krea laboro.

Inĝ Darina Hoferekovâ
Lipt. Mikuláŝ

***

Hodiaŭ mi ricevis vian "eksperimentan" (4/85) n-ron de "Esperantisto Slovaka" en ĝiaj nova formo kaj enhavo. Mi ege dankas pro ĝi, ĉar mi vere estis tute ĉarmigita per ĉio, kion mi povis vidi kaj legi en tiu ĉi numero sub via redaktado. Kompreneble mi tuj komparis ĝin kun nia ĉeĥa "Starto" kaj mi ekkomprenis, ke tiuj du gazetoj tute ne estas kompareblaj Tuj la unua paĝo kaj poste ĉiuj plŭaj aspektas ege belaj. Laŭ la aranĝo, aspekto kaj enhavo mi ĝis nun ne vidis eĉ unu similan E-gazeton. Tute vi ne devas peti pri indulgo pro la neuzado de ĉiuspecaj litertipoj Via trikolumna dislokigo de la tekstoj kun sufiĉe grandaj literoj (eĉ por maljunaj legantoj), sur bona papero kaj precipe ege interesaj tekstoj je tiom da diversflankaj temoj ege interesis min. Kaj kiam mi legis vian unuan artikolon de la nova redaktoro, kaj mi eksciis, kiamaniere vi kreis tiun ĉi vian novan numeron, mi restis surprizita kaj precipe ege dankema al vi pro viaj tre temporabaj sed fine sukcesplenaj klopodoj

Sincere vin salutas kaj pluajn daŭrajn sukcesojn en via meritplena redaktora laboro deziras al vi via ĉeĥa samideano

Jaroslav Adamec
el Rokycany

***

Via unua numero de "Esperantisto Slovaka" vere plaĉas.

Kun kuraĝigaj salutoj

Jaroslav Mařík
Praha
(dumviva SEA-membro)

***

Mi ekĝojis, kiam nia gazeto "Esperantisto Slovaka" aperis en nova formo. Mi same ekĝojis, kiam mi legis pri Zvolen. Mi persone tre deziras, ke en Zvolen ekfunkciu kaj praktike eklaboru Esperanto-klubo. Kun s-anoj Sliacky kaj Hropko mi serĉas pliajn kunlaborantojn.

Mi tre ĝojas pro nia bela gazeto, kiu estas sufiĉe riĉa kaj el la raportoj kaj aliaj artikoloj mi povas multe lerni. Dankon kaj multe da feliĉo!

Ján Dovčík, Budča

***

Mi deziras al via gazeto multe da sukcesoj - ĝi tre plaĉas al mi

Mi sendas al vi solvon de la krucenigmo el la numero 4/85.

Salutas vin

Vâclav Papež
Kraslice

***

Ricevinte la lastan numeron de ES mi estis tre agrable surprizita per ĝiaj aspekto kaj enhavo. Dankon pro la bela donaco al ĉiuj esperantistoj. Tre ĝojigis min novaj rubrikoj, precipe "Infanaj Paĝoj" "Leterkesto" kaj aliaj

Plaĉas al mi, ke ES on povas legi ankaŭ infanoj kaj komencantoj Tio estas grava kaj rekoninda paŝo al plua disvastigo de Esperanto. Ĝojigis min ankaŭ krucenigmo, sed - bedaŭrinde - la solvo estas por mi nesolvebla enigmo. Per Esperanto mi okupiĝas nur unu jaron, do mi estas komencantino kaj mi ne havas la eblecon parole praktiki Esperanton kun aliaj esperantistoj (en Břeclav ne ekzistas E-rondeto). Sed mi preskaŭ ĉiutage lernas Esperanton almenaŭ unu horon.

Mi jam atente tralegis kvar numerojn de ES kaj mi devas diri, ke la kvara n-ro estas la plej bela kaj plej interesa. Sciu, ke mi tre alte taksas Vian laboron, klopodojn kaj celojn kaj mi kredas, ke ES estos ĉiam pli kaj pli bona.- Kion mi ankoraŭ diru? - Ke ES estu ĉiam tiel belega kaj interesa kiel la kvara numero.

Mária Radkovičová
Břeclav

***

Mi skribas al vi, ĉar mi volas saluti vin kaj esprimi mian gratulon pro la transpreno de "Esperantisto Slovaka" Mi volas al vi skribi pri mia kontenteco kaj pro la grafika kaj pro la enhava flankoj de la ĵurnalo. Mi ĝojas, ke de nun vi gvidos la aferon kaj mi esperas, ke vi havos pli da kontentaj legantoj ol nur min. Daŭrigu! Nun ES povas plaĉi ĉefe al junaj esperantistoj kaj en la junularo estas estonteco de Esperanto!

Samtempe mi skribas la kaŝfrazon de la krucenigmo (daŭrigon de la anekdoto) el ES 4/85. PF 1986!

Via Soňa Zedníková
Praha-Modřany

# Turismo

## NATURREZERVEJO "BOKY" ĈE ZVOLEN

Akvo de la rivero Hron trafluas belegan valon de sub la monto Kráľová Hoľa ĝis Danubo. Inter la plej interesajn kaj pitoreskajn regionojn apartenas meza parto de la valo, sub la urbo Zvolen. Ĉe la vilaĝo Budĉa, ses kilometrojn de Zvolen, informtabulo invitas la preterveturantojn al la vizito de naturrezervejo "Boky", kiu apartenas al la plej gravaj enlandaj naturrezervejoj.

La rezervejo troviĝas sur la sudaj deklivoj de ampleksa Kremnica-montaro kaj ĝi estas unu el plej nordaj lokoj kun unikaj varmoŝatantaj botanikaj asocioj kun interesaj geomorfologie-geologiaj naturkreaĵoj. Geologie estas la teritorio kreita el andezitaj aglomeraĵoj kaj tofoj; el tiuj mineraloj ekestis interesaj naturaj kreaĵoj. Vera raraĵo estas ŝtona "fungo", nomita "Ŝtono de Diablo", kiu estas grandega vulkana aglomeraĵo.

Deklivojn de la rezervejo kovras maldensaj arbaroj, en kiuj dominas kverkoj (Quercus petrea kaj Quercus cerris). El aliaj arbospecoj kreskas ĉi tie karpenoj (Carpinus betulus), tilioj (Tilia cordata kaj Tilia platyphylla), aceroj (Acer pseudoplatanus kaj Acer platanoides) kaj aliaj. La rezervejo Boky troviĝas sur la norda limo de lokoj, kie ni trovas la kverkojn Quercus cerris. Iuj kverkoj de tiu ĉi speco apartenas al la plej maljunaj en Slovakio (pli ol 220 jaroj).

En la naturrezervejo Boky vivas multaj raraj specoj de animaloj, el la birdoj ekzemple falko (Falco peregrinus) kaj gufo (Bubo bubo). Relative abunde vivas ĉi tie diversaj lacertoj (Lacerta agilis, Lacerta viridis) kaj ankaŭ nia plej longa serpento kolubro (Elaphe longissima). El la pli grandaj bestoj vivas en la rezervejo kapreoloj, aproj kaj vulpoj. La plej valora el la insektoj estas rara papilio parnasio (Parnassius apollo).

La teritorio de la rezervejo Boky ampleksas 176,5 ha. Ŝtata naturrezervejo ĝi estis proklamita en la jaro 1964. En la jaro 1978 oni konstruis en ĝi turisman vojeton kun 13 informtabuloj. La vojeto, kies komenco estas ĉe la vilaĝo Budĉa kaj la fino ĉe la grava fervoj-kruciĝo Hronská Dúbrava, estas longa pli ol kvin kilometrojn kaj promeno tra ĝi daŭras pli ol du horojn. Viziton de la ŝtata naturezervejo Boky ĉe Zvolen ni povas rekomendi al ĉiu naturamanto, kiu veturos tra tiu ĉi parto de la valo de rivero Hron.

Jozef Sliacky



La plej interesa vidindaĵo en la ŝtata natur-rezervejo Boky - "Ŝtono de Diablo"
FOTO: La aŭtoro

## Radio Budapest en Esperanto

Pasintjare startis la Esperanto-elsendoj de Hungara Radio. La ĝis nun 5-minutaj programoj iĝos ekde la 9a de marto 10-minutaj. La disaŭdigoj estas kapteblaj nur sur la ultrakurtaj ondoj (FM, VKV). En Slovakio estas kapteblaj dissendoj el la jenaj elsendiloj: Győr 67,04 MHZ; Miskolc 68,48 MHz; Budapest 69,38 MHz; Kékes 70,10; Tokaj 70,43 kaj Sopron 72,08 MHz. La programoj okazas dimanĉe, inter la 13ª horo 05 minutoj kaj 13,15. Reagoj de la aŭskultantoj estas tre utilaj. La adreso:

Esperanto, Radio Pécs, Pf.200,
H-7601 Pécs, HUNGARIO

# Humuro

**Ĉe la akvofalo**

— Gesinjoroj!, — diras la vojaĝgvidanto, — ĉi tiu estas unu el la plej grandaj akvofaloj de la mondo. Se la sinjorinoj bonvolos unu momenton silenti, vi povos aŭdi la orelsurdigan bruegon de la akvo!

**Efika lernmetodo**

— Paĉjo, — demandas la knabeto, — kion oni faras en tiu granda domo?

— Tion mi ne scias, Peĉjo.

— Paĉjo, kion signifas tiuj vortoj sur tiu granda fenestro?

— Paĉjo ne scias ĉion, Peĉjo!

— Paĉjo, kiun montras tiu statuo?

— Mi vere ne scias tion, Peĉjo.

— Paĉjo, ĉu vi malŝatas, se mi demandas?

— Ne, Peĉjo, kompreneble ne! Demandu kiom ajn vi volas. Nur per demandado oni lernas!

**Endormiĝo**

La bebo de ne unuaranga kantistino terure ploregas. La patrino kaj same la patro estas en malespero.

— Mi ne scias, kio mankas al li... Ni devas klopodi endormigi lin. Mi provos per kanto...

— Ne, pro Dio, ne! — interrompas ŝin la edzo kun teruriĝo, — unue provu per belaj vortoj!

**Fatalaj eraroj**

La juĝejo venigis faman kuraciston, por ke li donu klarigojn kiel medicina eksperto. Kiam li finis, la defendanto diris al la juĝisto:

— Kuracistoj kelkfoje povas erari

— Sed ankaŭ la advokatoj, — interrompis la kuracisto.

Oni daŭrigis la pritraktadon de la proceso, kaj la afero ĉiam pli komplikiĝis.

— La eraroj de la kuracistoj, — krias la advokato, — bedaŭrinde kuŝas ĉiam du metrojn sub la tero!

— Precize, — respondas la kuracisto, — kaj la eraroj de la advokatoj ŝvebas du metrojn super la tero, de la pendigilo!

# El Sekretariejo

*Sekretariejo de SEA havas je dispono statistikon pri novaj aliĝintoj al Slovakia Esperanto-Asocio dum la lastaj ses jaroj, laŭ la teritorioj de urbaj kaj regionaj komitatoj de SEA. La nombro de novaliĝintoj prezentas parte ankaŭ la aktivecon de la koncernaj komitatoj. Interesa certe estus ankaŭ statistiko pri forfalintaj membroj. Ankaŭ tiun ni planas aperigi. Ĉiuokaze ne estas dubo, ke nia asocio daŭre kreskas. Fine de la jaro 1985 ni atingis 2 362 membrojn. Antaŭ ni nun staras la tasko atingi 3 000 membrojn, honore al centjariĝo de Esperanto en la jaro 1987.*

NOMBRO DE LA NOVAJ MEMBROJ DE SLOVAKIA ESPERANTO-ASOCIO EN LA JAROJ 1980 - 1985

| | 1980 | 1981 | 1982 | 1983 | 1984 | 1985 | Kune: |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Bratislava | 22 | 13 | 18 | 11 | 14 | 26 | 104 |
| Okcident-Slovakio | 72 | 31 | 41 | 59 | 75 | 82 | 360 |
| Mez-Slovakio | 131 | 78 | 95 | 70 | 74 | 120 | 568 |
| Orient-Slovakio | 88 | 88 | 154 | 173 | 161 | 113 | 777 |
| Košice | 45 | 46 | 67 | 84 | 140 | 136 | 518 |
| Ĉeĥio | - | 3 | - | 11 | 1 | 1 | 16 |
| Sume: | 358 | 259 | 375 | 408 | 465 | 478 | 2343 |

Laŭ la asocia statistiko prilaboris: M.Zvara

# Korespondi Deziras

● 30 infanoj 8- ĝis 12-jaraĝaj dez. korespondi kaj interŝanĝi bildkartojn. Komuna adreso: Klubo de Junaj Esperantistoj, Sobotské nám.6, CS-058 01 Poprad, Ĉeĥoslovakio.

KORESPONDAJ KURSOJ DE ESPERANTO

SOMERAJ ESPERANTO-LERNEJOJ

Informojn donas: SLOVAKIA ESPERANTO-ASOCIO Sobotské nám.6, CS-058 01 POPRAD

● Geflegistoj kaj medicinaj faklernantoj 17- ĝis 22-jaraj dez. kor. tutm. pri ĉ. temoj. Jan Rieche, Esperanto-grupo, DMH-Internat, DDR-3027 Magdeburg, Pfeifferstraße 10, GDR.

● 26-jara s-ino dez. kor. kun geamikoj el ĈSSR kaj aliaj landoj pri diversaj temoj. Anna Lewandowska,ul. Kolorowa 8/3, 02-495 Varsovio, POLLANDO.

● 27-jara instruistino dez. kor. pri div.temoj kaj interŝanĝi E-ajojn, diskojn kaj BK-ojn. Krystyna Mamok, ul. Zawadzkiego 12/150, 43-100 Tycmy, POLLANDO.

● 18-jara fraŭlino, du jarojn studanta E-on, dez. kor. pri ĉiuj temoj (literaturo, muziko, historio...) kun ĉiuj landoj: Denka Baĉamova, k-s "Družba", blok 16, vchod A, ap.21,BG-8800 Sliven,Bulgario.

● 21-jara f-ino Kaja Dennebecq, "Le Cédre" A 1225 Ch.de Moulares,Montpelier, FRANCIO, dez.amike kor. en la franca kaj Esperanto.

● S-ro Paul Reinhold Kern, 16 Wing St., Springfield, MA 01151,USONO,dez.kor.Esperante pri div. temoj.

● 16-jara f-ino Jenny Bennewitz,Strasse der Befreiung 61,DDR-8250 Meissen,GDR, dez. kor. E-e kaj int. BK-ojn de urboj kaj afiŝojn de pop-kantistoj.

● Korespondi pri div. temoj dez. Krzysztof Golwiej, str. Strzelćow Bytomskich 13 c/19, PL 44-109 Gliwice 9, Pollando.

● Korespondi pri div. temoj dez. s-ro Daniel Checko, str. St.Batorego № 2, PL 68-200 Zary, Pollando.

● Lernejestro Juan Antonio Giménez serĉas gekorespondantojn el Ĉeĥoslovakio pri muziko kaj muzikedukado de infanoj kaj gejunuloj. Adreso: Pl. Pintor Segrelles 1-B-19ª, E-46007 Valencia, Hispanio.

● Studento, prilaboranta magistran disertacion, serĉas sciencmaterialojn pri la filozofiaj kaj religiaj opinioj de L.L.Zamenhof. Andrzej B. Lewkowicz, ul.Panewnicka 76, pl-40 760 Katowice, Pollando.

● 20-jara f-lo Jaroslav Savĉuk, Ostrovskogo 39/82,SU-282 006 Ternopil, SOVETUNIO, dez. amike kor .pri div. temoj kaj int. kalendaretojn kaj BK-ojn.



Unu bildo valoras pli ol dekmil vortoj

- diras malnova ĉina proverbo.

Ĉu vi konscias tiun ĉi malnovan veron, sendante al nia redakcio vian kontribuaĵon

???




**STANO MARČEK**

